# Ludu

**Autoro: Sonmy (Kubo)**

**Tradukisto: Jose de Jesus Campos Pacheco**

1 - Kiu peco apartenas al la telero?




2 - Trovu kvin malsamajn detalojn inter la du partoj de la bildo!



3. La knabino devas atingi la cirkon kaj poste sian domon. Helpu al la etulino!



**La problemo pri akurateco: neniu ĉeestas por aprezi ĝin!**



**‚Mi certas, ke estas en la mondo tro da certeco.'**

**Kial oni neniam ataku nevon per tranĉilo? Ĉar la rezulto estus nevera.**

**Ruĝĉapulino:** Avino! Kiom grandaj estas viaj okuloj!
**Avino:** Hmmm.
**Ruĝĉapulino:** Avino! Kiom grandaj estas viaj oreloj!
**Avino**: Hmmmfff.
**Ruĝĉapulino:** Avino! Kiom granda estas via nazo!
**Avino:** Grrrmmmf.
**Ruĝĉapulino:** Avino! Kiom granda estas via buŝo!
**Avino:** GGRRmmmFFF.
**Ruĝĉapulino:** Avino! Kiom grandaj estas viaj dentoj!
**Avino:** Unufoje kaj por ĉiam, nepino – ĉesu ĝeni min – kaj formetu tiun lupeon!

## Vortklarigoj

(pli da vortklarigoj por aliaj artikoloj aperas sur p.39)

**Lupeo:** grandiga lenso. Ilo, kiu helpas al ni legi malgrandajn literojn.



**Akurateco:** ĝustatempeco; la arto alveni sen malfruo.

**Nevo kaj nevino:** infano de via onklo aŭ onklino.



**Nepo kaj nepino:** infano de via infano.

**Certeco:** kun kompleta manko de dubo.

**Aprezi:** valorigi, admiri.

Nia komenca kovrilo prezentas la tiam 7-jaran violoniston Edit Machlik dum la fermo de la Unviersala Kongreso en Vilno en 2005. Tie la partoprenintoj de la tiujara Infana Kongreso prezentis sin. La foto apartenas al la serio de bildoj pri tio, kiu aperis sur la tria kovrilpaĝo de nia antaŭa numero.

Fotis: Sjoerd Bosga.

# Nia oferto!









# Eko: Mia kulpo! Mia granda kulpo!

La rubrikuloj delonge sendis sian materialon. Sed al via redaktoro plene mankis tempo prilabori tion. Do, kiel jam prognozita, la numero malfruas kvar monatojn – ne eblas kombini redaktadon de *Juna amiko* kun prezidado/prizorgado de ILEI. Des pli mankus tempo serĉi kaj trejni novajn redaktorojn. Skribmomente (en la flughaveno de Eindhoven) mia prezidanteco daŭros ankoraŭ kvin tagojn, kaj la eblo vidi tiun 'lumon ĉe la fino de la tunelo' donis al mi kuraĝon transigi horojn for de ILEI-flegado, favore al nia revuo. El tio rezultis, ke antaŭ mia ekiro al Nederlando kvin tagojn pli frue, nur naŭ paĝoj ne kuŝis en la presejo. Reveninte, mia tuja tasko estas solvi tiujn paĝojn. Tio gravas, por povi ekspedi la numeron antaŭ mia trisemajna foresto kursgvidi en Francio. Spite la atendadon, vi havas solidan numeron: LUME, LUDE, LASTE, Legu kun Ni, Kantu kun Ni, Interkultura Mondo. Kvizo – enestas la kutimaj rubrikoj, krome belaj kovril-paĝoj.

2013 markas la kvardekan jaron de regula aperado de nia revuo. Sekve, ni laboras por ke ĝia unua numero havu specialan enhavon. Same kiel en 1999 (la 25an jaron de aperigado), ni planas jubilean antologian numeron, kiu represos aŭ rekreos la plej bonajn erojn el tiu kvar-jardeka kolekto. Samtempe la rubrikuloj jam preparas paĝojn por 2013/2. Ni meditas, kiel rete aperigi multon el tiu valora materialo el nia longa historio – indas ke ĝi ne malaperu. Sed realigo de tiu deziro bezonos multe pli fortan teamon de kunlaboremuloj.

Reage al niaj alvokoj (ĉefe pro revuo *Esperanto*), ni ricevis kelkajn interesiĝojn pri redakciaj laboroj. Tuj kiam la nuna numero kuŝos sekure preseje, la paŝo kontakti ilin aldoniĝos al mia urĝ-taska listo (kie jam kuŝas kvardeko da eroj). Mi kreos demandilon por ili, por ke ni ekkonu ilin. Intertempe, ni proponos al ili aliĝi al la redakcia teamo kaj kontribui materialon – jen la plej efika maniero pritaksi iliajn lingvajn, redaktajn kaj komputikajn kapablojn. Intertempe la plano transigi la ekspedon al alia lando estas prokrastita pro abrupta altigo en la poŝtaj tarifoj en Pollando – ni invitos al la estraro de ILEI esplori kaj taksi aliajn eblojn.

Nu, sufiĉe da internaj informoj – luktado aperigi la revuon akurate ja okazis preskaŭ kontinue tra ĝia kvardekjara historio! Jes, mi kulpas, sed – kiel mi skribis lastnumere – mi bedaŭras, sed ne pardonpetas!



Stefano, via plurĉapa redaktoro...



# KANTU kun JUNA AMIKO

## LA SORĈA KANTO-MONDO

Preparas: Małgosia Komarnicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin,
Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com



Kanto akompanas nin ĉie... Ni volonte aŭskultas ĝin, ĉar ĝi helpas vidi kaj krei alimaniere la mondon, permesas revi aŭ transdoni niajn sentojn. Ĝi ankaŭ helpas akiri pli bonajn rezultojn dum lernado, ĉar lernantoj ludante samtempe lernas, kreskigas sian emocian engaĝiĝon en la lerno-procezo. Sufiĉas nur ekkanti kaj ili tuj rememorigas kanto-vortojn. Tiumaniere la lernantoj plej bone kaj sugeste alpropriĝas al si la materialon de la leciono ofte ne konsciante, ke ili ekzercas fremdan lingvon. La laboro kun kanto havigas ĝojon kaj kontenton al la lernantoj, do ni ne malhelpu ĉi agrablecon de kantado dum la Esperanto-lecionoj.

Mi prezentas tre popularan kuban kanton ***AVINO***, kiun bele prilaboris **Jose de J Campos Pacheco** el Kubo. La aŭtorino de la teksto estas **Maria Alvarez Rios** kaj desegnaĵojn prepares **Danny Daniel**. La kanto estis kantata dum la UK en Kubo en la jaro 1990.

Kaj nun mi invitas vin al la sorĉa kanto-mondo.

# AVINO

Avino, diru kio okazos
se stelo sur mia kapo falas?
Ne timu, ne timu kara mia,
la stelo ne faras tian aferon,
Ĝi nur volas ornami la ĉielon,
ĝi nur volas ornami la ĉielon.

Avino, diru kio okazos
se mi eltrovas la lupon tra la arbaro?
Ne timu, ne timu kara mia,
ĝi estos venkita de geinfanoj
Kaj ĝi eĉ ne ekmovos la piedon,
kaj ĝi eĉ ne ekmovos la piedon.

Avino, diru kio okazos
se abrupte mi eltrovas trezoregon?
tre bone, tre bone kara mia
ĝin disdonu egale inter la homoj,
kaj certe pro vi ili restos kontentaj,
kaj certe pro vi ili restos kontentaj.

Avino, diru kio okazos
se la homoj ne iras al milito?
tre bone, tre bone kara mia
ĝi estos la tago plej bela sur la tero
la ĉielo vere brilos serene
la ĉielo vere brilos serene.

Bonvolu kolorigi la desegnaĵojn kaj enskribi en "fumetojn" la vortojn de nepo kaj la avino.
Jose de J Campos Pacheco el Kubo preparis ankaŭ konkurson kun premioj. Sendu al mi kelkajn demandojn de nepo kaj respondojn de avinjo laŭ via imago. La plej belaj ricevos premion, libron "Prafilo de Suno kaj Luno" tradukita de Jose.

# KANTU KOLORIGU kaj SOLVU

Bonvolu sendi al mi viajn proponojn, ke ni ekkonu belajn kantojn el la tuta mondo.

# Humuraj *mal*-aĵoj

Ĉiu, kiu konas nian lingvon, scias, ke el la riĉa afiksaro de Esperanto *mal-* estas la plej interesa kaj produktiva. Per ĝi oni povas formi milojn da „novaj" vortoj: *bela > malbela, juna > maljuna; ami > malami, fermi > malfermi; amiko > malamiko, paco > malpaco*... Per *mal-* oni venas al rekta kontraŭo de la vortradiko. Se oni lernas la vorton *ĝoji,* oni komprenas ankaŭ la vorton *malĝoji*. Simile: konante la vorton *alta* oni tuj povas formi el ĝi la vorton *malalta*.

Oni diras, ke Esperanto estas la plej logika lingvo, en kiu ne ekzistas esceptoj. Malgraŭ tio, ekzistas radikoj, kiuj ne alprenas certajn afiksojn. Ĉiu scias, ke *maljuna* havas sinonimon *olda*, sed el ĝi oni ne kutimas formi sinonimon por juna: *malolda*. La kialo estas komprenebla, tamen ĉiu esperantisto komprenus la derivaĵon.

Nun mi prezentas kelkajn neuzatajn, sekve strangajn kaj iom humurajn derivaĵojn per prefikso *mal-*. Vi certe komprenos ilin.

Geknaboj interparolas:

*„Jen invito al nia kunveno. Vi nepre vizitu ĝin. Ne kuraĝu respondi per ne."*
*„Bone. Mi respondos al vi per* ***maljes****."*

Arono rakontas:

*Arono kaj Jozefo estas tre bonaj* ***mal****amikoj. Arono rakontas pri tio jene: Kiam mi manĝas ion en la bufedo, Jozefo ĉiam iras en la necesejon por* ***malmanĝi*** *tie. Poste, dum mi pisas en la necesejo, li* ***malpisas*** *en la bufedo. Kiam nia familio ekskursas suden, kun sia patro li ekvojaĝas* ***malsuden****. Se mi ripozas vespere, li preferas ripozi* ***malvespere****. Kiam mi diris al li, ke nia familio dormas nokte, li diris, ke ili* ***maldormas malnokte****.*

Kaj nun sekvas aro da nekutimaj malaĵoj. Divenu ilian signifon kaj sendu ilin al mi (geza@banyai-kkt.sulinet.hu) ĝis la unua de junio 2013 . Mi tre ĝojus, se aldone vi sendus kelkajn similajn malaĵojn.

malmorti, maldoni, malhavi, malpluvi, malvidi, malaŭdi, malhalti, malhejti, malsomero, malokcidento, malparadizo, malinfero, malsilenti, malvesti sin, malridi, mallabori, malnigra, malvivi, malesperi, malforgesi, malen, malekster, malsub, malkun, malpost

*Geza Kurucz, Hungario*



Jen mi. Mi ripozas



Jen pomo. La pomo pendas.



La pomo falas! Ve! Nun mi ne ripozas...







Mi staras kaj laboras. Mi legas.




Mi sidas kaj laboras. Mi skribas.




Nun mi ne legas;mi ne skribas. Mi dormas.

## Pecoj el kurso e125: etapo 3

### *Pasvorta malkontento*

Mi sidas. Jen mia komputilo:

```
Nomo: ____________
Malnova pasvorto: ●●●●●●
Nova pasvorto: ____________
```







Mi diras „Grrrrr". Mi elektas „Ne nun".

# Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. Suspektindaj simptomoj

*Peĉjo (Pe)*: – Saluton Panjo, mi fartas tre malbone! Mi tuj devas iri al la necesejo!
*Panjo (Pa)*: – Saluton fileto, kio okazis al vi? Ho, ĉu lakso?
*(Pe)*: – Jes Panjo! Kaj mi havas ankaŭ vomemon!
*(Pa)*: – Kuŝiĝu en la liton! Ho ve! Kio pri via vizaĝo? Makuloj ruĝaj! Kaj ankaŭ sur viaj manoj, kaj ... sur la kolo! Mi venigos la infan-kuraciston!
*(Pe)*: – Ne necesas, Panjo! Sed mi enlitiĝos nun... La ventro ege doloras min! Krkhhhh.... Khmmm... Kaj ankaŭ la gorĝo!
*(Pa)*: – Fileto, vi ankaŭ aĉe tusas! Mi ja telefonos al la kuracisto!
....
*(Pa)*: – La kuracisto diris, ke li baldaŭ venos! Ĝis tiam mi kuiros teon por vi. Necesas mezuri vian temperaturon, jen la mezurilo!



*(Pe)*: – Panjo, rigardu, mi havas altan febron! Kaj mi havas vomemon! Mi neniel povos iri en la lernejon morgaŭ!
*(Pa)*: – Certe ne! Ho, vi vere havas tre altan febron! Terure! Jen la teo, kara! Ĉu mi alportu sendolorigilon?
*(Pe)*: – Ne, panjo. Sed alportu la telekomandilon! La televida programo eble forturnos mian atenton de malbonfarto...

## II. Zorga kuracista ekzameno

*Kuracisto (K):* – Bonan tagon, sinjorino! Kio pri la grava malsanulo? Saluton Petro! Do, ni vidu, kiel mi povas helpi vin.

*(Pa)*: – Mia filo fartas tre malbone, ekde tagmezo, kiam li revenis el la lernejo. Doloras lin la ventro, la stomako, la gorĝo.
Li ankaŭ tusas forte.



Mi mezuris lian temperaturon, li havas altan febron, 39,5 gradoj! Kaj tiuj ruĝaj makuloj! Ĉu eble iu epidemio? Ho, dio...

*(K)*: – Trankviliĝu, patrino! Mi ekzamenas nun la makulojn...

*(K)*: – Ĉu ankaŭ via kapo doloras vin, knabo?

*(Pe)*: – La kapo...? Ja jes, ankaŭ la kapo.

*(K)*: – Montru vian langon, diru longe „a”... hm.... Bone. Kaj nun mi aŭskultas viajn koron kaj pulmon... Spiru profunde, entenu la aeron! Vi povas elspiri nun.

*(Pa)*: – Diru, estimata kuracisto, ĉu temas pri io grava?

*(K)*: – Hm, hm... Nun mi premos iom vian ventron, knabo. Aha... hm. Klare.

*(Pa)*): – Kio pri Peĉjo?

*(K)*: – Ne estu zorgema, kara sinjorino. Mi pensas, ke via fileto baldaŭ resaniĝos. Mi nun injektos kuracilon al li... subenpuŝu la pantalonon, Petro, kaj turnu vin, sur la ventron.
Vi sentos nur etan pikon!

*(Pe)*: – Ve! Ĉu tio necesas?

*(K)*: – Jes, tiu injektilo multe efikas, kaj vi jam vespere pli bone fartos. Tamen prenu ankaŭ tiujn pilolojn. Restu enlite dum morgaŭ, sed se vi havas ankoraŭ doloron morgaŭ vespere, mi devos transportigi vin al hospitalo, Petro, ĉar nur tie oni povas plene kuracigi vin. Telefonu al mi morgaŭ, sinjorino!
*(Pa)*: – Jes, mi nepre informos vin pri la stato de Petro. Dankon, kara kuracisto, mi akompanos vin al la elirejo!

## III. La diagnozo



*(K)*: – Ne nervoziĝu, sinjorino. La korpo de via filo havas neniun problemon!
*(Pa)*: – Kaj lia ventro? Kaj la ruĝaj makuloj? Kaj la alta febro? Kio do ilin kaŭzis?
*(K)*: – Supozeble iu malagrabla evento, kiu okazos en la lernejo morgaŭ. Eble pridemandado aŭ skriba ekzameno. Kaj via filo ne volas riski la malbonan rezulton. Tio povas esti eĉ epidemio, kiu trafas la duonon de la klaso...
*(Pa)*: –?
*(K)*: – La ruĝaj makuloj estis desegnitaj per iu feltkrajono, la ventro ne doloras lin.
*Pa)*: – Kaj la febro? Mi mem vidis la mezurilon!
*(K)*: – Saĝaj infanoj kutimas froti la mezurilon, per la fingroj, kaj atenti, kiel la montrilo grimpas supren.
*(Pa)*: – Ho, kia friponeto! Mi tamen multe senpeziĝis! Kaj kio pri lia transportado al malsanulejo?
*(K)*: – Mi diris al li tion, por ke li klopodu „resaniĝi" la sekvan tagon, kaj ne tro eluzi la zorgemon de la gepatroj. La injekto kun vitamino C helpos lin lerni tuttage morgaŭ!

**Taskoj:**

*Vicigu organojn a) sur la kapo; b) en la brusto; c) en la ventro!*
*Kiuj korpopartoj de Petro doloras lin kaj kion li sentas?*
*Vicigu, kion faris Petro por kredigi, ke li estas malsana?*
*Kiujn malsanojn vi jam havis? Kion vi sentis tiam?*
*Vicigu simptomojn de malsanoj!*
*Kiel vi estis kuracata, kiam vi estis malsana? (pilolojn, injektoj, operacio).*
*Rakontu (skribu leteron) en la nomo de Petro: Kiujn trukojn li faris por kredigi, ke li estas malsana. Ne forgesu klarigi, kial li faris la trukojn!*
*Dialogu kun via partnero: unu estu kuracisto, la alia la malsanulo!*



**Vortoklarigoj (en aperordo en la teksto)**

*Suspekti*: Supozi, diveni, sen certa pruvo, ke iu/io estas kulpa, aŭ kaŭzis ion.
*Simptomo*: Fenomeno montranta malsanon aŭ organan difektiĝon.
*Makulo*: Ne granda, hazarda alikoloraĵo sur iu surfaco, ekz. sur haŭto.
*Lakso*: Nenormale ofta eligado de (preskaŭ) fluaj fekoj.
*Vomi*: Elĵeti tra la buŝo la enhavon de la stomako.
*Ventro*: Korpoparto, entenanta stomakon kaj intestojn.
*Tusi*: Brue elpuŝi aeron el la pulmoj.
*Temperaturo*: Grando, kiu karakterizas senton de varmo kaj malvarmo.
*Febro*: Nenormale alta temperaturo de la korpo.
*Telekomandilo*: Malgranda aparato por elekti kanalojn, laŭtecon, ktp de la televidilo.
*Stomako*: Organo en la ventro, por digesti manĝaĵojn.
*Gorĝo*: Interna kava parto de la kolo, per kiu oni glutas kaj spiras.
*Mezuri*: Taksi kaj difini grandecon, kvanton, gradon de io
*Grado*: Mezuro de varmo aŭ kvalito, forto, intenso
*Epidemio*: Infekta malsano samtempe atakanta multajn personojn en unu loko
*Pulmo*: Organo de la aerspirado.
*Injekti*: Enŝprucigi per speciala ilo likvaĵon sub la haŭton, en vejnon, aŭ en la korpon.
*Piki*: Pli malpli profunde enigi pinton en la korpon, aŭ ion alian.
*Pilolo*: Medikamento sub formo de glutebla buleto.
*Nervoziĝi*: Senti fortan maltrankvilon.
*Riski*: Elmeti ion al necerto aŭ danĝero.
*Feltkrajono*: Inka skribilo, kun pinto el dika ŝtofo
*Froti*: Plurfoje kaj rapide tien kaj reen premŝovi ion sur io.
*Friponeto*: Faranto de etaj malhonestaĵoj, maliceta.
*Truko*: Artifiko, kiu iluzias al la spektantoj.




# Semludo

Per afrika semludo oni nomas plurajn, tradiciajn ludojn devenantajn ĉefe el Afriko. Ilia kultura rolo en la kontinento estas simile grava, kiel tiu de ŝako en Eŭropo kaj goo en Azio. Ĉiuj afrikaj sem-ludoj estas ludoj logikaj kaj matematikaj, en kiuj plejparto de la reguloj diferencas. Ĉiam tamen samas la regulo pri semado: dum sia vico la ludanto prenas ĉiujn semojn el unu el siaj kavoj, metas po unu al ĉiuj sekvaj kavoj, kaj eventuale forigas la semojn de la kontraŭulo.

## Nomo kaj specoj

Ekzistas pli ol 200 diversaj afrikaj semludoj. Nuntempe la plej popularaj el ili estas mankalo, ovare, bao kaj kalaĥo. Ovare: ankau estas afrika semludo. La ludtabulo estas rektangula tablo kie oni elkavigis du vicojn enhavantajn po ses kavoj. Ĉe la tablo-ekstremoj estas du pluaj kavoj, iomete pli grandaj, kiuj estas tenejoj por la kaptitaj ludpecoj. 48 semoj aŭ ŝtonetoj estas uzataj kiel ludpecojn. (Sur la dua foto: Oware, Awari, Awele, ktp. el Okcidenta Afriko, ekz. Ganao, Benino, ktp).



Bao

La suba bildo montras la kutiman ekan pozicion. Ludantoj sidiĝu ĉe la plej longaj flankoj de la ludtabulo. Ludanto posedas la plej proksiman kavo-vicon kaj la tenejon dekstran al si. Antaŭ ol komenci la partion oni metu po 4 semojn en ĉiun malgrandan kavon. Tiel la tuta kvanto de semoj restas sur la ludtabulo.



## Movo

La komencanto elektas unu el la propraj kavoj kaj prenas ĉiujn semojn kuŝantajn tie. Poste, li-ŝi portu ilin laŭ kontraŭ-horloĝa direkto 'semante' ilin unuope en ĉiun kavon trovitan sur la vojo. La kontraŭulo ludos poste sammaniere. Tiel la ludantoj alternigos siajn lud-vicojn.



## Kaptoj

Kiam la semo laste semita dum vico falas en la kavon de kontraŭulo, amasigante tie du aŭ tri semojn, la semanto kaptas tiujn 2 aŭ 3 semojn metante ilin en sian tenejon. Se tiuj kavoj tuje antaŭaj aŭ malantaŭaj al la kaptejo, enhavas du aŭ tri semojn, ankaŭ ĉi tiujn la semanto kaptu. Tiamaniere eblas kapti ĉe sinsekvo de kavoj. Semanto haltigu sian multnombran kaptadon ĉe kavo enhavanta pli ol tri semojn aŭ malpli ol du. Ĉiel, memoru, ke kaptoj eblas nur ĉe malamikaj kavoj.

## Kiu venkas?

Kiel klarigite, partio finiĝas kiam kaptoj maleblas aŭ kiam ludanto ne povas plu movi. Tiam, kalkulu la enhavon de la kavo-vicoj. Kiu pli da semoj posedas, tiu venkas. Logike, indas konsenti pri fino de partio, se ludanto amasigis pli ol 24 semojn en sia tenejo.

Julianna Vas-Szegedi



# LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO



Rubrikestro
Karina MacGill

## Karaj legantoj!

Antaŭ ol ni pluiru kun nia aventuro, mi devas korekti eraron forgesitan en la lasta numero.

Vi certe memoras la misteran pordon, kiun Esplo kaj Rema malkovris, kiu havis plurajn ŝlosilojn, kaj du serurtruojn. Se vi malkovris la signifon de la sekreta surskribaĵo vi devis rimarki ke io mankas.

Nun mi ŝatus aperigi la ĝustan demandon:




Ĉu ankaŭ vi ŝatus desegni la rolulojn Esplo kaj Rema, sed vi ne scias kiel komenci?

Vizitu mian retan galerion por trovi helpon!

Provu!
Mi deziras ĝuan desegnadon!

http://karinamacgill.deviantart.com/gallery/40996691


La kato koridoro!
Mi scivolas kiaj sekretoj atendas nin ankoraŭ!




Vidu, grandega kesto!


Ĝi havas iuspecan ĉifro - seruron.










**Helpu Esplo kaj Rema!**

Enskribu la nomon de la objekto kiu estas logike malsama ol la aliaj en ĝia vico!




______? Stranga solvo, mi ne certas kion tio devus signifi.


Vidu, ĝi malfermiĝas!
Ne gravas!
TAK
TAK


KLAK


Ve, Esplo! Kio okazas?
ŜŜŜVVVM
Sablo! Sablo enŝutiĝas, la kesto estis kaptilo!

# LUDE

LA UNIKA DUA ETAĜO



La rubrikon prizorgas: Mónika Molnár

## *Jubileo post jubileo*

*Ĉirkaŭ la jarfinaj festoj Rakontemulo ŝatas prepari rakontojn por siaj infanoj kaj iliaj geamikoj. Por ke la rakonto estu eĉ pli interesa, li ĉiam trovas manieron igi la infanojn aktivaj. Kion li preparis ĉi-foje por ili? Ni aŭskultu lin:*



*- Estis foje viro, eĉ ne ankoraŭ tute viro, ni diru: juna knabo, kiu vivis en malfacila epoko. Ĉirkaŭ li estis Malkontentuloj, Malagrabluloj, Diverslingvuloj, Militemuloj Malkomprenemuloj kaj ĉiam multaj ŝanĝoj. Li mem estis revema knabo, kiu revis pri paca kunvivado, pri tio, ke la homoj iam komprenos unu la alian. Li pensis, ke por tio la plej granda obstaklo estas ilia multlingveco, pro tio ili ne povas kompreni unu la alian. Do, li laboris, laboris, laboregis por krei unu lingvon por ĉiuj. Ĉu iu el vi scias pri kiu mi parolas al vi?*

*- Vi parolas pri la knabo, kiu kreis Esperanton! - kriis kontente Kontentulido. - Kiel ja li nomiĝis? Mi sciis, sed...*

*- Zamenhof! Jes, Zamenhof! - entuziasmiĝis Saĝulido.*

*- Bone, gratulojn al vi! Nun pli malfacila demando: Kiam ni festas Esperanton? Jen eta helpo: estas fine de la jaro.*

*- La 24an de decembro! Aŭ eble la 25-an? - hezitis Hezitemulido.*

*- Tute ne! Vi parolas pri Kristnasko! Ankaŭ ĝi estas jarfina festo, sed ne tiu de Esperanto.*





- Ups! Vi pravas. Mi iom hontas, tamen mi certegas, ke ĝi estas en decembro. Mi ŝatas decembron. Estas multaj festoj, la homoj estas pli ofte bonhumoraj kaj ĝenerale ili estas ankaŭ pli amikemaj.
- Do, ĉu iu scias la festotagon de Esperanto en decembro?
- Jes! - diris Saĝulido. - Ĝi estas la 15-an de decembro! Kaj mi scias eĉ tion, ke ĉi-jare Esperanto festis sian 125-an jubileon!
- Bonege! Nun venos demando por kuko!



- Demando por Kuko? Kiu estas Kuko?
- Ho, neniu, sed tiu, kiu scios la ĝustan respondon, ricevos pecon da kuko el la granda ĉokolada kuko, kiun mi alportis.
- Ho, jes! Ĉokolada kuko estas bonega. Kiu estas via demando?
- Divenu: Kiu havis malgrandan jubileon ĉi-jare en novembro? Vi ĉiuj bone konas ĝin, ĝi estas amiko, bona amiko, ne maljuna amiko, ĝi estas ...



- Ĉesu! Ne diru pli! Mi scias pri kiu vi parolas! Mi gajnis la kukon! - ekscitiĝis Desegnemulido.
- Ĉu vere? Mi ne diris multon, sed bone, diru al ni pri kiu vi pensas.
- Temas pri Juna Amiko, ĉu ne? Amiko, ne maljuna, do juna kaj estas "ĝi". Estis vere simple gajni tiun kukon! Nur tion mi ne komprenas, kial vi parolis pri malgranda jubileo. Aŭ estas jubileo, aŭ ne estas jubileo. Sed malgranda jubileo? Kial?
- Bone, mi tuj klarigos tion al vi. La unua numero de Juna Amiko aperis en 1973, do kiom aĝa ĝi estos en 2013?



- 2013 minus 1973... 40! Ĝi estos 40-jara.
- Jes, sed nur en 2013, do tiam estos ĝia vera jubilea jaro. Tamen 2012 estas malgranda festo por ĝi, ĉar en 1972 aperis ĝia provnumero antaŭ la unua vera numero.

- Kio estas provnumero?
- Provnumero estas numero, kiun ni povus konsideri kiel testo. Testo por vidi, ĉu la homoj interesiĝus pri tia revuo, ĉu valorus lanĉi ĝin, ĉu ĝi havos sufiĉe da abonantoj, ktp.
- Do, la provo havis sian pruvon! Kaj pruvas sian utilecon jam de 40 jaroj! Bonege!
- Jes. Ĉu vi scias, ke inter la regulaj kunlaborantoj estas eĉ du personoj, kiuj restis fidelaj al Juna Amiko ekde la komenco, ekde la provnumero? Jes ja, ili estas Geza Kurucz kaj Baldur Ragnarsson. Ili vere meritas nian admiron. Plusa interesaĵo ankoraŭ de tiu provnumero, ke en ĝi Baldur skribis artikolon pri sia lando, en kiu estos la Universala Kongreso de Esperanto en 2013! Ĉu vi scias pri kiu lando temas?
- Jes! Islando! Ho, Geza kaj Baldur estas tiom bonaj homoj, ke mi dividas kun ili eĉ mian gajnitan ĉokoladan torton! Jen tortego por ni:



- Ho, vi estas tre ĝentila. Cetere vi pravas, ili meritus tortegon! Tamen, el tiu granda tortego ni povus doni al ĉiuj, kiuj volas, ĉu

*ne? Do, mi preparis enigmon por vi ĉiuj, kiu rilatas al tiu malnova provnumero de nia Juna Amiko. La unua bildo montras la veran kovrilpaĝon de tiu provnumero. La dua... Vi povas imagi, ke dum 40 jaroj multo povas okazi al dokumento, kiu kuŝas en la arkivoj, sur kiu oni metas multajn aliajn, kiu havas polvon sur ĝi kaj tiel plu. Do, la dua montras kovrilon, kiu iom suferis dum la jardekoj. Estas via tasko renovigi ĝin. Por tio vi devas retrovi tiujn partojn, kiuj suferis modifojn. Por helpi vian mision, mi diras al vi, ke entute 12 misaĵoj estas sur la dua bildo.*

*Karaj junaj amikoj, bonajn erar-serĉadon kaj prepariĝon al la 40-jara jubileo de Juna Amiko!*





# Fabelaj Fratoj

"Estis iam ..." tiel komenciĝas multaj fabeloj. Do, ankaŭ mi volas komenci mian rakontadon tiel.

Estis iam du fratoj. Iliaj nomoj estis Wilhelm kaj Jacob Grimm. Ili naskiĝis en malgranda urbo en Germanio. Kiam ili estis pli aĝaj ili vizitis universitaton. Tie komenciĝis ilia intereso pri la gepatra lingvo – la germana. Tiam ili ankaŭ komencis okupiĝi pri fabeloj. La fabeloj ne estis iliaj elpensaĵoj, sed ili aŭdis la rakontojn de homoj el sia ĉirkaŭaĵo. Iujn fabelojn ili ankaŭ transprenis el la franca kaj itala lingvoj kaj adoptis ilin al la germana. La fabeloj estas unuavice skribitaj por infanoj. En ili bestoj parolas, la personoj estas dividitaj al bonaj kaj malbonaj kaj je la fino la bono ĉiam venkas.

La fabelojn de fratoj Grimm oni konas en multaj landoj. Iuj ekzistas ankaŭ en Esperanto. Eble ankaŭ vi konas iujn. Tre konataj estas ekzemple: Cindrulino, Neĝulino; La kuraĝa tajloreto; La lupo kaj la sep kapridoj; Ruĝ-ĉapulino; La fiŝkaptisto kaj lia edzino kaj multaj aliaj. Ili kolektis kaj eldonis pli ol 200 fabelojn. Multaj de tiuj fabeloj ekzistas en formo de filmoj kaj ankaŭ en televido vi povas ofte vidi iujn.



Post longdaŭra kolektado kaj ordigado ĝuste antaŭ 200 jaroj, en la jaro 1812 aperis la unua volumo de 'Porinfanaj kaj familiaj fabeloj de fratoj Grimm'. Ekde tiam la fabeloj aperas ĉiam denove en diversaj landoj kaj en diversaj lingvoj.

Ankaŭ mi nun volas fini simile kiel finiĝas multaj fabeloj : "...kaj se ili ne mortis, ili vivus ankoraŭ hodiaŭ". Jes legante iliajn fabelojn, la "fabelaj fratoj Grimm" restas per siaj fabeloj por ĉiam vivaj en nia memoro.

Dieter Berndt

Mi ricevis proponon eklabori en *Yellowknife*, la ĉefurbo de la kanada **Nord-Okcidenta Teritorio.** Ĝi estas lokita tre malproksime de la dense loĝataj urboj kaj pro la severa klimato, nur malmultaj homoj vivas ĉi tie. Oni bezonus tri tagojn por senpaŭze veturi ĉi tien per aŭtomobilo. En la a teritorio estas du ĉefaj lagoj: Granda Sklava Lago kaj Granda Ursa Lago, kun la **Arkta Cirklo**. Tuj post alveno, mi rimarkis ĉie multajn rokojn kaj neniu grundon taŭga por agrikulturo aŭ ĝardenoj.

Komence de somero la suno brilas preskaŭ la tutan nokton, kun tre mallonga paŭzo post noktomezo. Oni vidas ke krepusko daŭras entute ne pli ol kvarono de la nokto: kelkajn horojn antaŭ noktomezo kaj tuj antaŭ sunleviĝo. Tiam la ĉielo estas trankvila en koloroj de hela bluo kaj indigo. Tial al novaj vizitantoj la urbeto ŝajnas esti iom magia.

## SALUTON el MALPROKSIMA NORDO!

Kvankan la plej granda sur la tre vasta lando, nia urbeto havas nur ĉ. 19 mil da loĝantoj. Krom la vivantaj delonge **indianoj de la norda Dene-tribo,** venis ĉi tien homoj de diversaj profesioj kiel ekz. kuracistoj aŭ laborantoj en poŝto, lernejoj kaj polico. Homoj estas ĉi tie afablaj, kun rideto kaj – kiel oni diris al mi – ĉiu konas ĉiun. La domoj estas aliaj ol tiuj en aliaj partoj de la lando. Ili estas malgrandaj, unu-etaĝaj kaj ŝajnas kreski rekte el la rokoj.

Iutage mi uzis la okazon bicikli en kaj ĉirkaŭ la urbeto: de la centro ĝis la indiana rezervejo kaj al orienta duoninsulo en Granda Sklava Lago (la plej profunda en Nordameriko – 614 metrojn) kaj poste al **eksa orminejo**, sude de *Yellowknife*. En la pasinta jarcento venadis ĉi tien homoj por trovi trezorojn kaj travivi la „vere nordan" sperton.

En septembro mi vidis ĉasistojn prepari viandaĵon de granda alko. Aŭtuno estas mallonga, ĉar frue venas frosto kaj neĝado. Vintro estas malluma kaj malvarmega: la temperaturo atingas minus 50 gradojn celsiusajn.

Vojoj kovritaj per neĝo fariĝas malsekuraj por aŭtomobiloj (tion vi ekvidas sur la dorskovrila foto). Tiam oni ofte veturas per hunde tirataj sledoj kaj provas fiŝkapti sur laga glacio. Sed oni povas ekvidi mirigan fenomenon sur la ĉielo: nordan brilon, nomatan ankaŭ polusa lumo (latine kaj angle: *aurora borealis* kaj pole: *zorza polarna*), vidu la dorskovrilan bildon.




Kun plej bonaj bondeziroj! – Paul Sulżycki.



# LEGU kaj ĜUU

LEGU LIBROJN - PREMIOJ - KONKURSOJ

Rubrikestro: Małgosia Komarnicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin,
Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com



## ELEKTRONIKA LIBRO

Nuntempe ni povas aĉeti libron en elektronika formo t.e. e-libron. E-libro ebligas pli vastan uzon ol la klasika, papera libro. Ĝi samtempe prezentas ne nur tekston, sed ankaŭ bildojn, filmojn kaj sonojn. Por legi e-libron necesa estas speciala legilo. Komputilo aŭ poŝtelefono ankau povas servi kiel legilo, se ni uzos taŭgan programon. E-libroj havas avantaĝojn kaj malavantaĝojn. La mankoj ne estas multaj kaj dank' al teknika progreso ilia kvanto malgrandiĝas.

Granda avantaĝo estas ĝia atingebleco (sufiĉas havi aliron al interreto). E-libron ne limigas kvanto de ekzempleroj aŭ speciale farita interkonsento kun eldonejo. La prezo de papera libro (aŭ de aliaj paperaj eldonaĵoj) estas pli alta ol tiu de e-libro. Por legi e-libron sufiĉas unufoje aĉeti legilon kaj uzi ĝin por legi multajn librojn. Malaperas ankaŭ problemoj de libromagazeno kaj ne limigas nin atendado por la sendaĵo. Pli facila estas alirebleco al informoj por fizike neplenkapablaj personoj. La plej grava avantaĝo de e-libro estas ĝia ekologia flanko, ĉar oni ne devas haki arbojn kaj fari paperon.

Kaj kion vi pensas?

## KLUBO de BONA LIBRO

La Biblioteko de *Juna Amiko* por junuloj kaj infanoj kreskas dank' al viaj proponoj. Bonvolu sendi viajn proponojn de libroj, kiuj montras pozitivajn valorojn (ekz. toleremon, amikecon, apogon al malpli fortaj homoj), helpas kompreni vin mem kaj aliajn kaj ebligas adaptiĝi al nia iom malgaja realeco. La proponojn kun titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo, sendu al la supra adreso aldonante la noton: Biblioteko de Juna Amiko.

**Rekomendo:** Por la *Biblioteko de Juna Amiko* **Ela Karczewska** (prezidantino de Bjalistoka Esperanto-Societo) rekomendas la libron *„Babiladoj de bonhumora Zamenhofano"* de Jakobo Ŝapiro.

Mia avino ofte ripetadis: "En la tempo de mia juneco tio ne okazus...". Kompreneble tio nervozigis nin kaj ni ne traktis serioze certiĝojn de la avinjo. Pasis jam 90 jarojn de la momento, kiam frustrita Jakobo Ŝapiro aranĝis en Bjalistoko propran eldonejon por eldoni esperantajn publikaĵojn. Unu el la unuaj estis *Babiladoj de bonhumora Zamenhofano*. Pri kio temis? Pri kutimaj problemoj de e-organizoj: gravaj en la dudeka jarcento, en la dudekunua jarcento kaj en la venontaj jarcentoj por Esperantistoj.

**Li skribis:** *Aperis La Vekilo!*
*„La eldonantoj de la Vekilo, havante tro rozajn esperojn, estis certaj, ke tuj post la apero de ĝi niaj estrar- kaj societ-anoj vekiĝos kaj diros: Ni laboru! Sed tiel ne okazis. Ni dormas kaj daŭrigas dormi.*

*Ni dormas, ni dormas, neniam vekiĝas,*
*Pri belaj fraŭlinoj sonĝante..."*



En 2012 bjalistoka junularo tradukis la libron al la polan lingvon kaj dulingve eldonis ĝin Bjalistoka E-Societo eĉ en la formo de sonlibro. Legu, ridu, trovu similajn situaciojn en via e-societo. Ĉio en la vivo ripetiĝas. Bone, ke daŭre ekzistas homoj, kiuj scipovas kiel Jakobo delikate moki en eleganta formo pri niaj mankoj.

La libro estas atingebla ĉe Bjalistoka E-Societo, ĉe www.espero.bialystok.pl

# EKKONU MIAN LANDON PERE DE ĜIA LEGENDO

## KONKURSO ne nur por junaj legantoj

Ĉi-numere ni ankaŭ vizitos eŭropan landon, Albanion. Ĝi estas la patrujo de sekretario de la Albana Esperanto-Instituto, sekretario de albana ILEI-sekcio **Bardhyl Selimi**, kiu helpis al mi prepari la legendon kaj informojn pri sia lando. Unue konatiĝu kun kelkaj informoj pri la lando de Bardhyl. Klopodu trovi la menciitajn lokojn sur la mapo, kaj poste tralegu la legendon kaj faru konkursajn taskojn.

# Kio allogus vin en Albanio?

Sudokcidente de Eŭropo, inter Italio kaj Grekio troviĝas malgranda lando, kiu sendependiĝis nur 100 jarojn antaŭe. La popolo parolas tute apartan lingvon, negrekan kaj nelatinan, kvankam la kulturo estas ne malpli praa ol ties du menciitaj grandaj civilizoj.

La landon karakterizas altaj montoj ĉirkaŭ 3000 metroj kiuj formas Albanajn Alpojn kaj vastaj ebenaĵoj jen 800 metrojn jen kelkajn metrojn super la marnivelo kie oni kultivas cerealojn kaj aliajn vegetaĵojn. Du mediteraneaj maroj, Adriatika kaj Jonia, limigas ĝin laŭlonge de kelkcentoj da kilometroj formantaj belegajn golfojn, plaĝojn kaj lagunojn kiuj allogis lastajn jarojn milionojn da turistoj el diversaj landoj.

Pro longa politika izoliteco disde la cetera mondo la naturo plurestis iom virga kaj pura. Ankaŭ la homoj estas sinceraj, fidelaj, gastamaj kaj komunikiĝemaj. Albanion oni povas atingi nun plej facile per surtera, surmara aŭ aera veturiloj en plurdekoj da enirpunktoj sen ia problemo de vizo, pago aŭ diskriminacio. Sed unue klaku sur interreto "Albanio", "Turismo en Albanio", "Albana lingvo", "Albana naturo" ktp kaj vi trovos pli multe da informoj. Bonvenon al nia lando, naskiĝloko de Patrino Tereza, legendeca generalo Skanderbeg, imperiestroj Kostandino la Granda, Justiniano la Unua, Sankta Jeronimo kaj multaj aliaj famuloj.

Bardhyl Selimi klarigas de kie devenas nomo: **Albanio.**
En la kvara jarcento antaŭ Kristo loĝis ilira gento de "albanoj" en la loko nomita "Albanopolis" (nuna "Zgerdhesh", apud la nuna urbo Kruja, je 32 km nordoriente de Tirana). Iliroj reprezentis grandan antikvan plurgentan popolon loĝanta en la tuta Okcidenta Balkanio, de Danubo ĝis Adriatika Maro kaj de Istrio (nun en Italio) ĝis Golfo de Arto (nun en Grekio). Iliroj loĝigis ankaŭ certajn aliajn partojn de suda Italio. Oni nomis 'Albanoj' ĉiujn posteulojn de iliroj loĝintaj en la teritorioj de nuna Albanio, Kosovo, Okcidenta Makedonio, Suda Montenegro, Suda Serbio, Nordokcidenta Grekio.



La aliaj popoloj ekprononcis ilian nomon diversmaniere. Tiel, la grekoj diris Arvanitoj, la turkoj diris Arnautoj, la serboj diris Arbanas-oj, la italoj diris Albanez-oj, rusoj Albanci, ktp.

Mem albanoj sin nomas "Shqiptar-oj" (Ŝkiptaroj), kio signifas "Filoj de la aglo", almenaŭ ekde la oka jarcento post Kristo, kiam ili fondis sian unuan ŝtaton. La lando nomiĝas Shqiperia (Ŝkiperia) kio videblas ekz. sur la poŝtmarkoj. Tio ne estas esceptaĵo ĉar italoj nomas germanojn *tedeski*, francoj *alemanoj*, rusoj *njemci*, ĉu ne? Dume mem germanoj sin nomas *Dojĉi*. Post la definitiva invado de la lando far otomanaj armeoj en la fino de la dekkvina jarcento, centmiloj da albanoj fuĝis al suda Italio kie loĝas ankoraŭ iliaj posteuloj. Oni nomas ilin 'Arbereŝ-oj' kio rilatas al la nomo 'Arber' devenanta el la vorto 'Alban'.

Fakte la nacio albana kaj ties lingvo ekformiĝis surbaze de ilira tradicio. Oni konsideras ke albanoj loĝantaj kompakte en siaj propraj teroj supre menciitaj nombras ĉirkaŭ 7 milionoj. Ili loĝas en ses balkanaj ŝtatoj: Albanio, Kosovo, Makedonio, Montenegro, Grekio kaj Serbio.

# LEGENDO

Tralegu la legendon pri Gjergj Kastrioti-Skanderbeg, kiu dum la jaroj 1443-1468 gvidis albanojn en sukcesaj bataloj kontraŭ la otomanaj armeoj, tiel savante la patrion kaj samtempe malhelpante la invadon de Eŭropo far turkoj.

Georgo Kastrioti, nomita Skanderbeg, naskiĝis en la jaro 1412. Li estis la plej juna filo de princo Johano Kastrioti kaj princino Vojsava. Pri lia nasko la popola fantazio imagis aron da mirindaj legendoj. Vojsava sonĝis antaŭ lia naskiĝo, ke ŝi naskis drakon, kiu kovris la tutan Albanujon, havis la kapon en la turka limo kaj la voston en Adriatika maro, kaj per sia faŭko sanga englutadis milojn da turkoj. Georgo, kiam li naskiĝis, havis sur la dekstra brako signon de glavo. Apenaŭ li eliris el la lulilo, li direktiĝis al la armiloj de sia patro kaj provis preni arkon, sagojn kaj glavon. Kiam li kreskis, plaĉis al li nur ludoj militaj kun liaj fratoj aŭ aliaj junuloj.

Kiam sultano Murad la Dua forprenis en Adrianopolis la filojn de Johano Kastrioti je garantiaĵo, la gepatroj, la princa kortego kaj tuta popolo de Mati ploris plej multe por la malgranda Georgo, kiu tiam estis naŭ jarojn aĝa. La unua ago de la sultano, kontraŭ la promeso donita, estis fari la kvar malgrandajn princojn mohametanoj kaj doni al ili nomojn turkajn kaj instruistojn, por ke ili lernu la mohametanan religion. Georgo prenis la nomon Skender Beg, kiu signifas princo Aleksandro. En la kortego de la sultano Skanderbeg prenis la instruadon de la princoj de la reĝa domo. Li lernis la turkan lingvon, la araban, grekan, slavan kaj italan. La militan arton li lernis el

la libroj unue, poste sur batal-kampo. Ankoraŭ malgranda li petadis al la sultano, doni al li premeson partopreni la batalojn, sed la sultano ne permesis tion opiniante lin tro malgranda. En la uzado de glavo, arko, lanco kaj en la rajdado sur ĉevaloj, li estis la plej brava en la reĝa palaco. Homo altkreska kaj belaspekta, kun okuloj viglaj kiel du fajreroj, li estis, laŭ samtempulaj atestoj, anĝelo de vira beleco kaj majesteco; ĉiu vizaĝosigno kaj manmovo, ĉiu vorto kaj paŝo de tiu junulo montradis lin reĝa filo kaj homo de grandaj farotaĵoj.

Sultano Murad havis por Skanderbeg specialan simpation kaj ne preterlasis okazon por al li montri ĝin. La aliaj fratoj mortis per maniero, kiu lasis konjekti, ke ilia morto ne estis natura. Eble ili estis venenitaj por malaperigi ĝenajn heredantojn de la princlando de Mati. La sultano indulgis Skanderbeg-on pensante eble, ke li, foririnte el Albanujo tre juna, zorge edukite kaj metode kiel turka princo ĉirkaŭite kaj flatite per ĉiuj bonoj de la palaco, estas tute turkigita kaj ke ne povos kapti lin nostalgio kaj deziro reveni en Mati-on – sian naskiĝlokon.




Pro la heroeco, kiun li elmontris en diversaj bataloj, li estis nomita altgrada oficiro, kiam li estis nur dekses jarojn aĝa, kaj du aŭ tri jarojn poste la sultano elektis lin Sandĵak Beg, t. e. generalo, kaj donis al li komandon de korpuso de 5000 rajdantoj. Li partoprenis diversajn batalojn en Azio kaj Eŭropo, kaj ĉie honore. Okaze de sieĝo de fortikaĵo en Anatolio, kiel Aleksandro la Granda siatempe en Hindujo, li suriris la muron, kie li starigis la flagon, kaj la unua eniris la urbon. La sultano Murad altigis lian rangon kaj sendis lin kiel komandanton en kelkajn gravajn militojn. Skanderbeg ĉiam revenis venkinto kaj kunportis en Adranapolis amason da malliberuloj kaj havaĵo. Lia famo plialtiĝis tagon post tago; la armeo adoradis lin; la kolegoj havis ĵaluzon.

Tiutempe la pulvo ne eniris ankoraŭ la militan arton. La korpa forto kaj persona kuraĝo ludis grandan rolon en batalaj venkoj kaj dueloj dum la milito inter militantoj de malamikaj armeoj kaj dum la paco, estis kutimaj kaj okazis ofte en grandaj urboj. La kuraĝulo prezentis sin ĉe iu foiro aŭ festo kaj invitis al la duelo la plejkuraĝulon de la loko. Okazis, ke meze de publika ceremonio en Adranopolis, giganta tataro prezentis sin sur la kampo invitante al duelo kiun ajn el la oficiroj, kiuj ĉirkaŭis sultanon Murad. Neniu turko moviĝis kvankam la

sultano promesis grandan rekompenson al tiu, kiu akceptos la tataran inviton. Skanderbeg petis de la sultano permeson batali kontraŭ la tataro, kiu jam fanfaronis vidante, ke ĉiuj timas lin. Post multaj petoj la sultano donis al li la permeson. La duelo okazis piede sur malgranda loko. Sole la venkinto estus povinta foriri viva. Skanderbeg prezentis sin kaj en iom da tempo surterigis la tataron mortigitan. Skanderbeg estis tiam dudekkvin jarojn aĝa.

Skanderberg baldaŭ revenis patrujon kaj ĝis la morto venkis Albanion kontraŭ la Otomana Imperio. Hodiaŭ li estas nacia heroo, protektanto de sia patrujo, sed ankaŭ la simbolo de interligoj de albana kulturo kun Eŭropo.

(ĉerpita el la libro originale en Esperanto "Skanderbeg- heroo de Albanujo" de CukSimoni, eldonita en Shkoder, Albanio en la jaro 1929). [La mapo speguligas la nunan staton politikan]

La konkursa tasko ĉi-foje estas la jena: Priskribu per bildoj la legendon pri Skanderbeg. La konkursan taskon bonvolu sendi kun viaj nomo, adreso kaj indiko 'Konkurso – legendo' ĝis la 30a de junio 2013 al la adreso, kiun vi vidis supre.

# PROVERBOJ

Finante la rubrikon mi enmetas kelkajn proverbojn **pri arbo** el la *Esperanta proverbaro* de L. L. Zamenhof. Proverboj estas mallongaj kaj facilaj frazoj dank' al kiuj oni pli bone esprimas iajn ideojn, avertojn, admonojn aŭ instrukciojn. Ili estas gravaj en ĉiu lingvo kaj tial por perfektigi konon de Esperanto necesa estas ankaŭ lerni proverbojn.



En arbaro sidas kaj arbojn ne vidas.
Kiu timas bestaron, ne iru arbaron.
Laŭ la frukto oni arbon ekkonas.
Lupo sopiras, al arbaro sin tiras.
Ne elvoku lupon el la arbaro.
Ne falas frukto malproksime de l' arbo.
Se la arbo falis, ĉiu branĉon derompas.
Sur arbon kliniĝintan saltas la kaproj.
Pli bona apude najbaro, ol frato post arbaro.

# KVIZO-LUDO

Prizorganto de la rubriko: *Dieter Berndt*, Germanio

*Karaj kvizemuloj,*

*Jen plia dekopo de kvizotaskoj. Novaj provantoj bonvenas! Deziras al ĉiuj agrablan amuziĝon kaj sukcesajn solvojn via Dieter Berndt*

**N-ro 2012/3** (Limdato: la 30a de junio, 2013)

| | |
|---|---|
| 1 | Daŭrigu la frazojn per almenaŭ kvin vortoj:<br>a) En arbaro vivas .... .<br>b) La amiko donacis .... .<br>c) Tri knabinoj iris .... . |
| 2 | Skribu tri frazojn, en kiuj vi uzas nek - nek. |
| 3 | Aldonu finaĵon -n kie ĝi necesas. - Mi konas li kaj li konas mi. Li kaj ŝi vizitis mi. Mi vidis li kun ŝi. La instruisto vokis vi kaj ili. Ni li ne vokis. |
| 4 | Klarigu diferencon inter - arbfolio kaj foliarbo; - florĝardeno kaj ĝardenfloro. |
| 5 | Skribu per vortoj la jenajn horloĝindikojn. - 10.30 - 6.15 - 8.20 - 12.37. |
| 6 | La mankantaj vortoj diferenciĝas nur laŭ la komenca litero.<br>Inter montoj estas... Por spici supon taŭgas .. Danci oni povas dum .... |
| 7 | En ĉiu vort-vico estas unu vorto, kiu diferenciĝas de la aliaj.<br>a) hundo, kapro, karpo, ŝafo.<br>b) Parizo, Sofio, Vieno, Zuriko.<br>c) kapo, kolo, koro, kruro. |
| 8 | Ŝerca demando. Kiu povas respondi en ĉiuj lingvoj? |
| 9 | Kiel vi festas la alvenon de printempo? Skribu almenaŭ tri frazojn. |
| 10 | Skribu la nomojn de konataj Esperanto-verkistoj kies antaŭnomoj estas:<br>Antoni - Julio - Raymond - Hilda - William. |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Dieter Berndt* (*esperanto-berndt@web.de*) Berolinastr. 2, DE-10178 Berlin, Germanio. Se vi havas demandojn, turnu vin al li, kiu volonte informas pri detaloj. Solvoj kaj rezultoj aperas sur paĝo 35.

## Dudek vortoj, tri koloroj, unu enigmo

Jen dudek frazoj, kiuj priskribas po unu vorton.
Ĉiu vorto havas koloron kaj numeron:

■ 2 Agas malpasive. 'Li ______ en la ekologia movado'
□ 2 Akvo-birdo kun plata beko, kiu vokas 'Kak! Kvak!'
□ 4 Alta besto kun longa kolo
■ 7 Bruna frukto kiu ofte kreskas en dezertaj oazoj
■ 2 Citra frukto, laŭ kiu oni ankraŭ nomas koloron
□ 1 Eta griza besto kun longa vosto, kiu ŝatas fromaĝon
■ 5 Faras ĉion necesan, por ke aferoj bone funkciu.
'La loka komitato ______ la kongreson.'
□ 5 Forta predo-birdo kun akraj talonoj (vidu bildon sur paĝo 39)
■ 9 Hibrido inter persiko kaj pruno
□ 6 Longa besto, sen manoj kaj piedoj
■ 8 Marbesto kun dek kruroj, malmola ekstera ŝelo kaj grandaj pinĉiloj
■ 4 Mediteranea bereca frukto kiu kreskas sur arbustoj – troveblas sur picoj
■ 3 Movas sin per brakoj kaj kruroj tra akvo
■ 4 Ne povas spiri, estante plene en akvo
□ 3 Parto de la vizaĝo, kiu sentas odorojn – alivorte flarilo
■ 1 Ruĝa frukteto, kun unu sem-ŝtono ene
■ 1 Saltas elegante, kapon antaŭe, en akvon
■ 6 Sukoplena frukto kun granda sem-ŝtono meze; simila al persiko
■ 3 Verda frukto kun bruna ŝelo – la plej bonaj (kaj la nomo) venas el Nov-Zelando!
■ 5 Verd-kolora citra frukto kun iom acida gusto

La plimulto de la blankaj vortoj estas ______________________.
La plimulto de la nigraj vortoj estas ______________________.
La plimulto de la brunaj vortoj estas ______________________.

El la blankaj vortoj, la kompleta misviculo estas ________, ĉar ________,
kaj la ioma misviculo estas ______________, ĉar ______________

El la nigraj vortoj, la kompleta misviculo estas ________, ĉar ________,
kaj la ioma misviculo estas ______________, ĉar ______________

El la brunaj vortoj, la kompleta misviculo estas ________, ĉar ________,
kaj la ioma misviculo estas ______________, ĉar ______________

Jen la sekreta frazo. Kiel ĝi rilatas al niaj tri uzitaj koloroj?

□□□□□ □□□□□□ □□□□□□□□□.

1 2 3 4 5 1 2 3 4 5 6 1 2 3 4 5 6 7 8 9

Ĵus naskiĝis bebo en hospitalo. Flegisto alvenas kun nasko-dokumento kaj petas al la patrino doni nomon por la nova bebo.

**Flegisto:** Bonvolu diri la nomon.
**Panjo:** Eŭro.
**Flegisto:** Tia nomo ne ekzistas. Eŭro ne estas nomo; eŭro estas mon-unuo.
**Panjo:** Strange! Neniu protestis, kiam mi antaŭ dek jaroj al la ĝemeloj donis la nomojn Marko kaj Franko.

Konato demandas al skota pastro:

– Sinjoro Pastro, ĉu vi reakiris la mantelon ŝtelitan?
– Parte...
– ?
– Ĝiajn butonojn mi jam retrovis en la almoz-kesto.

Agresema porkideto iras en la arbaro. Ĝi renkontas bonan feinon.
"Porkideto, mi estas gaja, mi plenumos viajn du dezirojn", diras la bona feino.
"Sed feino! Ĉhu vi ne **tri** dezirojn kutime plenumas?" demandas la porkideto.



"Sed jes."
"Ĉu mi ne povus havi eble tri dezirojn?" demandas la porkideto.
"Sed jes, kaj kio estas la dua?"

Demandas kuracisto al la ĉefa flegistino de la hospitala sekcio.
"Kiel fartas la nova malsanulo?"
"Multe pli bone, sinjoro doktoro. Hodiaŭ matene li eĉ parolis."
"Kaj kion li diris?"
"Ke li fartas malbone."

– Kiel oni nomas virinon, kiu ĉiam scias, kie estas ŝia edzo?
– Vidvino.

Kial staras kato inter du policistoj?

Ĉar la hundo libertempas.



Ĝoje rakontas rabeno al sia amiko:
"Hodiau mi feliĉigis sep homojn."
"Kiel?" scivolemas la amiko.
"Mi geedzigis tri gefianĉajn parojn."
"Sed kiel... hm... ja tio estas nur ses personoj, ĉu ne?"
"Jes, sed ĉu vi pensas, ke tion mi faris senpage?"

# El nia humursako



Du parlamentanoj en Hungario dialogas antaŭ la balotoj; diras la unua:

– ...se ni gajnos, mi volas ricevi la postenon de Ministro pri Maraferoj.

– Ĉu Ministro pri Maraferoj? – miras la alia.

– Kial Hungario bezonus Ministron pri Maraferoj, ja ni tute ne havas maron!

– Kial ne? Ni ja havas ankaŭ Ministron pri Bonfarto de la Popolo!

**90% de politikistoj donas al la ceteraj 10% malbonan reputacion!**

Henry Kissinger

-- Steĉjeto, diru, kio okazis en 1859?

-- Tiujare naskiĝis Ludoviko Markovich Zamenhof.

-- Eminente! Kaj en 1862?

-- Tiam li iĝis tri jara.

– Kion vi faros, se vi pensiiĝos?

– En la unua semajno mi nur sidados en la lulseĝo.

– Kaj poste?

– Poste mi eklulos min...



*Literatur-traduka angulo:*

*Kio nestas en nom'?*

*Ĉe roz' aĵinoma, samas arom'*

Sekspiro – tradukis SMG

Oni portas gum-bastonon al policisto:

– Sinjoro policisto, ĉu tiu ĉi gum-bastono estas via?

– Tute ne, ĉar hieraŭ mi perdis mian.

***Solvo kaj Rezulto de la KVIZO el la antaŭa n-ro (sept. 2012)***

**1)** Iam vivis maljuna virino, kiu havis du filojn. La pli juna de ili devis ĉiutage iri en la arbaron por kolekti lignon. Foje li iris tre malproksimen kaj renkontis alian knabon. **2)** Diversaj respondoj; **3)** Diversaj respondoj; **4)** Ekzemple: areto, ularo, aliĝo, kaj aliaj; **5)** Vieno, Oslo, Romo, Tokio; **6)** Dimanĉe ni ne povis veni. Antaŭ la domo staris kelkaj arboj. Mi volas ripozi sur tiu benko; **7)** ...ne ĉesu - ...escepto - ...valoro. **8)** ekiris, redonis, lernado; **9)** marto - mardo; **10)** La litero R.

***Plej bone respondis por tiu kvizo: 1) Jindriska Drahotova - 19 poentoj. 2) Blanka Huzerova kaj Monika Pickova ambaŭ el Ĉeĥio, po 18 poentoj.***

# MIAJ RENKONTIĜOJ KUN TIBOR SEKELJ

rakontas Teresa Nemere

Inter miaj multaj interesaj travivaĵoj dum kelkaj jardekoj en Esperantujo, neforgeseblaj por mi estas kelkaj surprizaj renkontiĝoj kun Tibor Sekelj – mondvojaĝanto, ĵurnalisto, verkisto, mondskala aganto kaj, antaŭ ĉio, varma, sentema kaj amikema homo. La 14-an de februaro pasis 100 jaroj post lia naskiĝo. Mi tre ĝojas, ke nun, omaĝe al tiu ĉi datreveno, sur la gastemaj paĝoj de *Juna Amiko* mi povas iom rakonti pri miaj travivaĵoj kunligitaj kun tiu ĉi elstara esperantisto.



La unuan fojon mi aŭdis pri Tibor Sekelj en la jaro 1965, en la hungara urbo Gyula, dum la seminario por esperantistaj pedagogoj – la unua eksterlanda aranĝo, en kiu mi partoprenis. Tiam Antony Sekelj prezentis principojn kaj agadon de la *Instituto por Oficialigo de Esperanto*, organizita antaŭ kelkaj jaroj en Beogrado, kies iniciatinto kaj la ĉefa gvidanto estis lia frato -Tibor Sekelj. Entuziasmo de la preleganto kaj prezentitaj planoj impresis min tiugrade, ke la vekitan tiam admiron mi sentas ĝis hodiaŭ. Agadformoj de IOE laŭ la principo „pli bona praktiko ol centhora prediko" kompare kun multaj tiutempaj esperantistaj streboj imponis per sia simpleco kaj samtempe moderneco. Post tiu okazintaĵo en Esperantaj gazetoj kaj revuoj ofte mi vidis diversajn informojn pri aŭ de Tibor Sekelj, kelkfoje kun fotoj.

Alvenis la jaro 1973 kaj la 58a UK en Beogrado. Tiam, dum iu kafeja renkontiĝo, tute hazarde mi eksidis ĉe la tablo, ĉe kiu iu angla esperantistino, videble kortuŝita de la vekitaj rememoroj, fervore rakontis pri sia vojaĝo, aranĝita de Tibor Sekelj por disvastigi Esperanton en la landoj de la Proksima Oriento. Tibor S. - iniciatinto kaj organizanto de la eksperimenta vojaĝo - ligis kontaktojn, prelegis pri Esperanto, organizis kursojn kaj la kunvojaĝantino instruis la lingvon. Post 17 jaroj de tiu okazintaĵo, dum la rakonto brilis ŝiaj okuloj pro fiero kaj ĝojo. Tiamaniere duan fojon mi ekaŭdis pri la personeco kaj interesa agado de Tibor Sekelj.

Fine de la 70aj jaroj mi partoprenis en iu esperantista renkontiĝo en la slovaka urbo Poprad. Dum la aranĝo la loka esperantista entuziasto – Milan Zvara veturigis per la propra aŭtomobilo kelkajn personojn al Spiska Sobota por prezenti novajn ejojn, ricevitaj por organizi modernan agadcentron de slovakaj esperantistoj. Promenigante nin en la bela, malnova centro, li haltis antaŭ iu loĝdomo kaj diris: „sinjoroj, deprenu viajn ĉapojn – en tiu ĉi domo naskiĝis Tibor Sekelj".

La kvara renkontiĝo estis eĉ pli interesa kaj fruktodona. Septembre en 1978, sur la koridora ŝtuparo de mia loĝdomo, mi alparolis esperantlingve mian filinon kaj neatendite ni ambaŭ ekaŭdis: „bonan tagon sinjorinoj". La sekvaj vortoj sonis: „mi estas Tibor Sekelj".

Kvankan la tritaga vizito en Toruń de la fama esperantisto okazis pro la organizita tie internacia konferenco de muzeologoj, kies sekretario tiutempe estis ĝuste Tibor Sekelj, li dediĉis kelkajn horojn por nia privata renkontiĝo, horoj, kiuj fruktis per interesaj okazintaĵoj:

1. Mia filino Kinga, tiutempe 10-jarulino, ĝis tiu vizito ne ŝatis paroli en Esperanto, ne tre ŝatis esperantistojn. Dum la vizito de T.S. la tutan tempon scivoleme ŝi aŭskultis lian rakontadon kaj poste ŝi mem petis: „panjo, ni parolu esperantlingve, por ke mi mem povu pridemandi Tibor, kiamaniere oni organizas mondvojaĝojn".

2. La gasto donacis al Kinga sian libron „Tra la lando de indianoj" (sudamerikaj) kaj – imagu – ne nur tiam ŝi surprize diris „ mi legos", sed iugrade inspirita de la aŭditaj kaj legitaj rakontoj post kelkaj jaroj ŝi elektis studojn pri etnologio kaj dum la studado prtoprenis en la etnologa ekspedicio al Meksiko, verkis magistran disertacion pri meksikaj indianoj kaj nun de tempo al tempo gvidas turistgrupojn al Sudameriko.

3. Mi persone ricevis de Tibor Sekelj interesan lecionon pri la moderna muzeologio. Fiere prezentante al li aranĝatan ekspozicion pri la popola arto en la etnografia muzeo, en kiu mi tiam laboris, mi ekaŭdis liajn vortojn: „tiamaniere nun oni jam ne devus aranĝi muzeajn ekspoziciojn" Sekvis la klarigo kaj diskuto. Li pravis. Ĝis nun kun ĝojo mi observas, ke la principoj, skizitaj de Tibor Sekelj en lia muzeologia disertacio komence da la 70aj jaroj de la pasinta jarcento estas observataj de multaj muzeoj en diversaj landoj. Ankaŭ sur tiu ĉi kampo li estis pioniro.

Dum la sekvontaj jaroj okazis niaj mallongaj renkontiĝoj dum UK en Stokholmo kaj Varsovio, sed pro amaso de gekonatoj kaj abunda kongresa programo ili ne estis speciale gravaj. Pli interesa estis tiutempa korespondado. Nun mi retrovis leterojn, skribitaj de Tibor. Ili signas, kiel amikema, zorgema kaj ĉarma estis tiu homo. Li interesiĝis pri miaj privataj kaj laborproblemoj, kaj

rakontis pri siaj agadpaŝoj kaj planoj. Aŭtune de 1978 li skribis: „nun mi traktas kun la televido diversajn projektojn el kiuj la plej interesa estas tiu pri la vojaĝo tra Azio laŭ la vojiro de Marko Polo, sed estas ankaŭ kelkaj aliaj ideoj..." Poste ni ricevis lian salutkarton el la insulo Bali. Dum la kriza tempo en Pollando en la okdekaj jaroj li sendis preskaŭ 6-kilograman pakaĵon kun diversaj bezonaĵoj. De kie li havis tempon kaj forton memori pri ni inter amaso de geamikoj en la mondo?

Post la forpaso de tiu ĉi granda amiko (1988) mi havis eblecon ekkoni kaj tuŝi interesan trezoron – kolekton da objektoj, fotoj, filmoj, libroj kaj priskriboj de liaj vojaĝoj en la mondo. Invitita de la vidvino post Tibor, s-ino Erzsebet Sekelj, mi partoprenis en la aranĝado de ekspozicio „Unueco en diverseco" prezentanta tiun ĉi heredaĵon unue en la urbo Subotica, en kiu Tibor Sekelj travivis preskaŭ kvaronon de sia vivo, kaj poste en la slovaka urbo Poprad, en kies nuna kvartalo Spisska Sobota li naskiĝis. Tiam, tuŝante dekojn da manuskriptoj kaj eldonitaj libroj, kilometrojn da film- kaj muzik-bendoj, amason da fotoj kaj fotonegativoj kaj antaŭ ĉio pli ol 600 kolektitaj de li memoraĵojn el la tuta mondo, mi ekkonis Tibor Sekelj kiel etnografon kaj muzeologon, sed antaŭ ĉio kiel homon amanta homojn kaj ĉiutage dediĉanta al ili sian atenton, koron, siajn strebojn kaj fortojn.

En la mondo estas multaj interesaj homoj, multajn tiajn oni povas renkonti en Esperantujo, sed laŭ mi Tibor Sekelj estis elstara sur ĉiuj kampoj de lia multflanka laboro. Mi tre ĝojas kaj fieras, ke dank' al tio, ke mi konis Esperanton, mi povis renkontiĝi kaj amikiĝi kun li. Eĉ nur por tio valoris lerni kaj uzi la internacian lingvon.








## Vortklarigoj
Por 'Semludoj' (p 14-15)

**Semo:** tio el kio kreskas planto.
**Kavo:** truo; subenira loko.
**Partio:** lud-sesio.
**Kontraŭulo:** oponanto.
**Alterni:** ekz. Malparaj 1,3,5,7 alternas kun paraj 2,4,6,8.
**Sinsekvo:** vic-ordo.
**Rektangulo:** geometria formo



## Vortklarigoj
Por 'Legu kaj ĝuu' (p 26-31)

**Avantaĝo:** pluso (malavantaĝo = minuso).
**Magazeno:** granda butiko.
**Praa:** antikva.
**Fuĝi:** foriri de danĝera loko.
**Kompakte:** dense; unu apud la alia.
**Glavo:** batala tranĉilo.
**Arko:** batalilo, kun streĉita kordo kaj saĝo.
**Lanco:** batalilo, kiun oni ĵetas.
**Brava:** kuraĝa.
**Korpuso:** milita grupo
**Sieĝo:** ĉirkaŭigo por malpermesi venadon kaj iradon.
**Pulvo:** pulvoro kiu eksplodas en pafilo.
**Duelo:** batalo inter du personoj.
**Admono:** konsilo ne fari ion malsaĝan.
**Aglo:** predo-birdo (birdo, kiu manĝas bestojn).



## Vortklarigoj
Por la apuda artikolo

**Omaĝe:** memore, honorige.
**Prediko:** alparolo, kutime de pastro aŭ pastoro en preĝejo, kiu konsilas bonan konduton.
**Iniciatinto:** starigito, konstruinto
**Etnologio:** la studo de hom-popoloj.
**Distertacio:** skriba tasko por universitataj studentoj.
**Manuskripto:** kutime mane skribita historia dokumento aŭ verka malneto.

## Vortklarigoj
Por 'Interkultura mondo' (p 40-43)

**Bunta:** riĉa, varia.
**Tenero:** delikateco, aparta etoso.
**Izoleco:** foreco de aliaj.
**Eriko:** marĉa loko, kie kreskas likenoj.
**Grego:** besto-grupo.
**Klifo:** preskaŭ vertikala monto-flanko.
**Mevo:** marbirdo kiu laŭta krio.
**Enmuntita:** enkonstruita.
**Smeraldo:** bela kaj valora verda gemo.

## Vortklarigoj
Por 'Saluton el malproksima nordo' (p 25)

**Teritorio:** mond-parto; land-areo.
**Krepusko:** la tempo post sunsubiro aŭ antaŭ sunleviĝo.
**Alko:** granda norda aŭ arkta cervo-simila besto (vidu la bildon).
**Sledo:** senrada veturilo konvena por irado sur neĝo.
**Indigo:** malhel-blua koloro, iom purpureca.



# Interkultura mnd

Rubrikestro: Elena Nadikova,
E-klubo „Betuleto",
Lernejo/Ŝkola 56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio.

## Kie legendoj vivas

***Saluton! Last-somere, la 16-21-an de Julio, en Irlando okazis la 9a kongreso de EEU – Eŭropa Esperanto-Unio. Ĝi okazas unufoje dum ĉiuj du jaroj. Partoprenis 157 homoj el 28 landoj. La kongresurbo estis Galivo (angle:*** Galway; ***irlande:*** Gaillimh***), la urbo sur la okcidenta oceanbordo de Irlando. La temo de la kongreso estis: "Lingvo-lernado en Eŭropo: lerni pli, kosti malpli". Kiel kutime, la kongresa programo estis bunta kaj abunda. Diversaj prelegoj kaj diskutoj miksiĝis kun koncertoj kaj libera komunikado inter la partoprenantoj. Kaj, certe, multis ekskursoj. Des pli, ke Irlando estas alloga eĉ por sperto-plenaj turistoj. La kongreson akompanis antaŭ- kaj post-kongresoj, kiuj triope konatigis la partoprenantojn kun vidindaĵoj, kulturo kaj kutimoj de tiu ĉarma lando. Mi havis feliĉon partopreni la kongreson. La impresoj de la vojaĝo estis tiom miraklaj, ke mi volas dividi ilin kun vi, karaj legantoj!***



En la mondo ekzistas multaj landoj, kiuj longe restas en la memoro de vojaĝanto. Iu korprema tenero konstante vekiĝas en mia koro dum eĉ unu mencio pri tiaj lokoj. Al tiuj neordinaraj landoj apartenas, sendube, Irlando. Apartigita de la Malnova Mondo per grandegaj akvaj spacoj, ĝi ĉiam logas atenton per sia izoleco, kaj, sekve, originaleco.

Irlando – antikva lando de keltoj, plena je diversaj legendoj kaj mitoj. Tie ĉi, fabelo aspektas tute reala kaj kutima. Precipe fortas tiu sento, kiam vi estas ene de senfinaj erikaj densejoj sur la deklivoj apud

Dublino aŭ en Konemara (angle: *Connemara)* - la regiono en la okcidento de Irlando). Tiel ŝajnas, ke sub malaltaj arbustetoj de eriko kaŝas sin malgranda feino, kiu povas realigi iun ajn vian deziron. Kaj ie inter rokoj faras siajn ritojn druidoj. En tombejoj ankoraŭ eblas renkonti pratempajn keltajn krucojn. Ankaŭ Irlandon oni rajte nomas Smeralda insulo. Ĉiu vojaĝanto povas konvinkiĝi pri tio. Kie ajn vi estus, ĉie ĝojigas okulojn glata hel-verda tapiŝo de freŝa, suka herbo. Sur ĝi vagadas multnombraj gregoj de grasaj, sataj kaj, verŝajne, feliĉaj bovinoj kaj ŝafoj.



Irlando famas pro siaj rokoj kaj klifoj. Esence, la tuta insulo estas unu granda roko, derompiĝinta iam de la eŭropa kontinento. La plej famaj inter ĉiuj – la klifoj de Mohero sur la okcidenta bordo de la lando. Vertikalaj 200-metraj rokoj etendiĝis preskaŭ je 7 km de nordo ĝis sudo en la regiono Clare. Dum la tuta distanco laŭ la rando de klifoj serpentumas vojeto, laŭ kiu eblas trairi la tutajn klifojn. Allogega promenado! Danĝeroj ne plias ol sur aŭtomobila ŝoseo, kaj impresoj estas neforgeseblaj! En unu loko, tamen, nin atingis tia neatendita puŝblovo, ke ni devis kuŝiĝi sur la teron. Tamen konsternantaj pejzaĝoj de la Atlantika oceano sub klara ĉielo kaj ŝanĝiĝema suno lasis en mia memoro nur senton de granda ravo antaŭ la potenco kaj rigora beleco de la naturo.



Se rakonti pri la sonoj de Irlando, tio estas, sendube, bruo de oceano (aŭ maro) kaj laŭtaj, strangesopiraj krioj de mevoj. Unue mi aŭdis ilin en Dublino, kie okazis antaŭkongreso. La tuta urbo ankoraŭ dormis, kiam ni decidis iom

promeni antaŭ la matenmanĝo. Estis mallaŭte sur stratoj, kaj en tiu kvieteco superstreĉe kaj senĉese kriis mevoj. Kvazaŭ ili insiste vokis ien aŭ petis pri io malebla. De iliaj krioj ventumis tia korprema domaĝo, ke ni longe sentis maltrankvilon. Poste mi ofte aŭdis kriojn de mevoj en Galivo, dum la kongreso, kaj poste denove en Dublino kaj apude. Tamen la unuan impreson mi forgesos neniam. Krioj de maraj mevoj ĉiam estos por mi rememorigo pri Irlando.



Ĝenerale en Irlando estas multaj lokoj, kiuj povas kontentigi la gustojn de la plej postulema turisto. Tio estas unuavice antikvaj kasteloj. Ili multas en la lando. Irlandanoj tre zorgas pri sia pasinteco, tial kasteloj bone konserviĝis. Pleje mi memoris la faman kastelon Banrati (*Bunratty*) en la regiono Clare. En ĝiaj grandaj haloj kaj tute malgrandaj ĉambretoj ĉio aspektas tiel, kiel estis dum la tempo de iliaj posedantoj. Ŝajnis, jen-jen malfermiĝos pordo kaj eniros homo en antikva vestaĵo aŭ aristokrata sinjorino en larĝaj pompaj jupoj.

Multaj irlandaj legendoj estas ligitaj kun kasteloj. Unu el la plej famaj – pri ŝtono en la kastelo Blarni (*Blarney*). Ĝi situas je 20 km de la urbo Korko (*Cork*) – la dua laŭ grandeco post Dublino. Laŭ la legendo, sorĉistino donacis tiun ŝtonon al Sankta Patriko, la patrono de Irlando. Ĉiu, kiu kisos ĝin, rapide lernos la anglan lingvon (*kaj, certe, Esperanton, ĉu? – tio signifas, ke ĉiu esperantisto devas viziti Irlandon kaj kisi la ŝtonon*). Nun la ŝtono estas enmuntita en la muron. Por kisi ĝin, necesas kuŝi dorsen kaj ĵeti la kapon malantaŭen. Ne ĉiu vizitanto kuraĝos tion fari. Tamen, certe, sukcesojn en lingvokonoj povas atingi ĉiu, kiu volas kaj penos. Precipe en Esperanto. Ĉu vi konfirmos tion, karaj legantoj?



Danke al Esperanto ni konatiĝis ne nur kun la insulo mem, sed ankaŭ kun ĝiaj ĉirkaŭaĵoj. Postkongreso okazis en Aran-insuloj. La tri Aran Insuloj, Inis Mór, Inis Meáin kaj Inis Oírr situas laŭ okcidenta oceanbordo en Galiva golfo. Laŭ mia impreso, la Aran-insuloj plej bone memorigas antikvan Irlandon. Eble, ĉar tie vi povas aŭdi la irlandan lingvon. Loĝantoj ĝis nun aktive parolas ĝin. Kiel ili diras, ĉiu ŝtono sur la insuloj estas historia objekto. En Inis Mór, ekzemple, bone konserviĝis restaĵoj de antikva fortikaĵo Dún Aonghasa (*Dun Aengus*).



Se rakonti pri la 'Smeralda insulo', maleblas eviti mencion pri ĝia vetero. Ĉiuj scias, ke Irlando estas la lando de eternaj nebuloj kaj senfinaj pluvoj. Kiam vi vojaĝas laŭ la oceana bordo kaj anstataŭ vasta akva surfaco vidas nur nebulon – ŝajnas, ke ne ekzistas en la mondo pli trista kaj malgaja loko. Sed tuj kiam tra densaj nuboj elrigardos suno – ĉio tuj ŝanĝiĝas kvazaŭ laŭ magio. Sur ĉiu folieto, ĉiu herbero brilas malgranda brilianteto. Kaj lavita ĉielo lumas tiel ĝoje, kvazaŭ okazis iu feliĉa soleno. Kaj tiu humoro tuj transdoniĝas al homoj. Eble, ĝuste pro tio irlandanoj estas tiom vivĝojaj, vivamantaj, gastemaj? Pri iliaj gajeco vagadas legendoj. Vizitu iun ajn irlandan drinkejon (*pub*), kaj vi mem konvinkiĝos pri tio. Ĉie vi renkontos homojn, kiuj ne estas dorlotitaj per la naturo, kaj tial scipovas ŝati ĉiun momenton de vivo, ĉiun neatenditan ĝojon.

Do, dankos ankaŭ ni vivon – ***kaj aparte Esperanton***! – ke ili donacis feliĉon konatiĝi kun Irlando. Ni deziru al ĝia gaja kaj laborema popolo prosperon kaj bonŝancon! La mondo bonegas, kiam en ĝi estas diverseco. Kaj kiam ekzistas la lingvo, kiu komprenigas tiun mondvalorecon al ĉiu!










Rubrikestro: Stefan MacGill

# Fraz-aŭkcio

Jen grupa aktivaĵo, kiun la instruisto aŭ grupgvidanto prefere plenumu pure en Esperanto, espereble la lernantoj same faru. Ĝi estas mult-tema ekzerco, tiel ke lernantoj ne nur ekzercas la donitajn frazojn, sed vere komunikas pri ili.

## Preparoj

Verku dek du frazojn el kiuj ĉ. 6 estas gramatike ĝustaj kaj ĉ. 6 malĝustaj. Multobligu la fraz-liston, tiel ke ĉiu paro ricevu la tekston.

## Instrukcioj

La lernantoj plenumu la ludon en paroj. La gvidanto donas al ĉiu paro identan paper-pecon kun la serio da frazoj. La gvidanto klarigas al la paroj, ke ili ricevas por la aŭkcio po cent stelojn. La gvidanto aŭkcios la frazojn. La minimuma sumo en la aŭkcio estos kvin steloj, kaj ĉiu altigo de la proponata prezo same estas kvin steloj. Oni aĉetu nur korektajn frazojn. Komence la paroj studu la frazojn kaj konsentu, kiuj frazoj estas korektaj, kaj kiuj ne.

La gvidanto legas la unuan frazon, kaj petas ofertojn. Se venas neniu oni rajtas supozi, ke la frazo enhavas eraron. La gvidanto invitas al lernantoj klarigi la eraron, kaj/aŭ doni korektan formon. Se iu paro tamen faras oferton, ili ricevas la frazon, sed ĝi ne validas por la fina rezulto.



La gvidanto legas sinsekve ĉiujn frazojn, kaj akceptas ofertojn laŭ aŭkcia modelo. Kiu paro ofertas la prej grandan sumon gajnas la frazon.

Se ili atentu, ke ili entute havas nur 100 stelojn por oferti! Kiam ĉiuj frazoj estas traktitaj, ĉiu grupo deklaru, kiom da korektaj frazoj ili sukcesis arigi. Gajnas tiu, kiu havas la plej altan nombron.

## Modelaj frazoj

1. Hieraŭ mi iros al koncerto en la granda stadiono.
2. Ni rigardis interesan programon pri ursoj en la televido.
3. Mi ŝatas manĝas kukojn kaj trinkas limonadon.
4. La fino de tiu kanto estas pli bona ol la komenco.
5. Mi ne supozis, ke tiu trajno venus ĝustatempe.

## AS, IS, OS, US, U... ATA, ITA, OTA

En la hungaraj fiŝkursoj, ni ĥore ripetis la finaĵojn de Esperanto. Unue, la bazajn: -as, -is, -os, -us, -u. Poste la pasivajn participajn: -ata, -ita, -ota. Ili ja ne estas komplikaj. Jen tri simplaj ekzercoj por kompreni ilin.

*La unua frazo estas la ekzemplo. Kompletigu la aliajn frazojn!*

Sono aŭdata estas sono, kiun mi aŭdas.
Kato karesata estas kato, kiun mi ....
Pordo frapata estas pordo, kiun...
Libro legata estas...

Faru pli da frazoj kun la verboj: grimpata, serĉata, aŭdata, kri-ata, prenata, miskomprenata...

*Nun la inverso, el la simpla verbo, kreu la participon. Komence, ekzemplo.*

Mi manĝas pomon; ĝi estas manĝata.
Mi ĵetas pilkon; ĝi estas ...
Mi trinkas teon; la teo estas...
Mi puŝas butonon; ĝi...

Faru pli da frazoj kun la verboj: rompas, portas, aĉetas, poluras, tiras, puŝas, levas, skribas...

*Nun preskaŭ same, sed vi devas uzi la pluralon! Denove, ekzemplo unue.*

Mi lavas miajn manojn; ili estas lavataj.
Mi kalkulas viajn ovojn.; ili estas ...
Mi memoras miajn sonĝojn; ili...
Akrobato ĵonglas kvin pilkojn; ili ...

Faru pli da frazoj kun la verboj: kolektas, perdas, retrovas, sekigas, rastas, fosas, kreas...

*Kial la ekzerco? Nu, en la krucenigmo sekvapaĝe aperas paticipa verbo. Ek!*

# KRUCENIGMO kun RAKONTO

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | ■ | 4 | 5 | 6 | 7 | | 8 |
| 9 | | | 10 | | | | | ■ | |
| | ■ | 11 | | | | | ■ | 12 | |
| 13 | 14 | | | | | ■ | 15 | | |
| 16 | | | | | | 17 | | | ■ |
| 18 | | ■ | 19 | | ■ | 20 | | | 21 |
| 22 | | ■ | 23 | | 24 | | | ■ | |
| | ■ | 25 | | | | | | 26 | |
| 27 | 28 | | ■ | | ■ | 29 | | | |
| 30 | | | 31 | | 32 | | ■ | 33 | |
| ■ | | ■ | | ■ | 34 | | 35 | | |
| 36 | ■ | 37 | | 38 | | | | | |
| | ■ | 39 | | | | | | | ■ |
| 40 | | ■ | 41 | | | | | | |

## Horizontale →

1. Sen helpo de alia. 'Ĉu iu helpis vin?' 'Ne, mi faris ĝin ____.' (3)
4. Ne en la domo sed _____ ĝi. (6)
9. 'Mi iras __ ________. (temas pri la turka ĉefurbo – 2 + 6)
11. Birdujo en naturo.
12. La nomo de floso per kiu transiris la Pacifikan Ocenanon la norvega vojaĝanto Thor Heyerdahl (1914-2002), nomata laŭ egipta sundio. (2)
13. Forkuro de danĝero – ekzemple rapida junulo, kiun leono ne kaptas. (6)
15. Malkomenc' (3 R)
16. Reagis al demando.
18. Sufikso por malviroj. (2)
19. Utilig' (2 R)



20. Presista fluidaĵo (4)
22. 'Gastoj estas atend___aj ekde la sepa horo'. (2)
23. Deca, konvena al grava persono aŭ evento. (5)
25. Stud-sesiaj. (8)
27. Post la sepa sed antaŭ la naŭa. (3)
29. 'Ni ne havis informon pri tio. Ĝi okazis sen____.' (4)
30. Kun unu malpli ol dek viŝ-tukoj. "Estas ___-_____ oferto." (3-4)
33. Korpulenta – pli simpla vorto por tio, sen la vokaloj. (2)
34. Io, kio venos al la oreloj nur poste estas ______a. (3-2 R)
37. Antaŭeniro, plibonigo – almenaŭ en la intencoj! (8)
39. Amatora kantado laŭ antaŭpreparita, registrita, muziko – tre ofte apenaŭ eltenebla. La vorto venas el la japana. (7 - variaĵo).
40. Refreŝiga trinkaĵ', farita el sekigitaj arbustaj folioj. (2 R)
41. Valo kun tre krutaj flankoj. La vorto venas el la hispana. (7).



## Vertikale ↓

1. Substancon, el kiu oni faras ion utilan. Ekzemple: "Mi aĉetis brikojn kaj cementon. Tiel ni havas la bezonatan konstru_________." (10)
2. De interno al ekstero. "Mi iras ____ la domo en la ĝardenon." (2)
3. Insul' de Britujo, fama pro senvostaj katoj kaj motorciklaj konkursoj (5 R)
4. Prezento de interesaj objektoj aŭ bildoj, ofte en muzeo. (10)
5. Amindan dombeston; dorlot-beston. (5)
6. Sinjoro -- mallonge kaj sen la streketo. (3)
7. La 24a litero de la alfabeto, prononce. (2)
8. Denovan (4)
10. Malproksime (2-5)
12. Malcertec', eblo por malbona rezulto. (4 R)
14. Impres'. Io, kio venas al vi de okulo, orelo, buŝo, nazo, tuŝo aŭ intuicio. (4)
15. Rilate al mono kaj la ekonomio. 'La Ministro pri ______o' (6 R)
17. Grandaj reptilioj, kiuj vivis abunde sur la tero ĝis antaŭ 65 milionoj da jaroj. Multaj el ili estis viand-manĝantoj kaj danĝeraj por aliaj bestoj.
21. En Esperanto, la rekta ________ de verbo prenas la finaĵon –N. (7)
24. Ori__no; fra__la; pa__nto; se__lo. (2)
25. 'Ĉu ni iras ____ la ĝusta vojo?'
26. Malsanon ankoraŭ ne ĉiam kuraceblan, kiu aperas, kiam la imun-sistemo de la korpo ne plu kapablas funkcii. (7)
28. 'Pipro ____ salo ofte troveblas kune sur manĝotablo.' (3)
31. La centra part' de la korpo de homo aŭ insekto (5 R)



32. Rilate akvan areon, ekzemple en parko: 'En la mezo de la urba parko ni havas belan _____ pejzaĝon'. (5)
35. Kvino plus kvino. (4)
36. Pentrado, skulptado, muziko, dramo, dancado, teksado, manlaboraĵoj kaj (iom pli debateble) multo pli da homaj agadoj, konsistigas kune tion. (3 R)
37. Plenuma Komitato (mallonge) (2)
38. La plej dezirata medalo en la olimpikoj. (3)

## POSTTAGMEZA EKSKURSO

Unuafoje en nia *Juna amiko*, jen krucenigmo kies solvojn vi uzu por kompletigi rakonton. Laŭ la numeroj kaj sagoj (→ kaj ↓) vi aldonu vortojn el la enigmo.

Amikoj renkontiĝas _________ (4→) lernejo posttagmeze. Pasis la lastaj _________ (25→) horoj, kaj nun ili estas liberaj.

- Mi devas esti hejme nur post la sesa. Ĉu ni faru ion kune?
- Bona ideo. Ni amuziĝu, post la ______ (13 →) de niaj lernejaj devoj.
- Okazas _________ (4 ↓) pri ___________ (17 ↓) en la urba muzeo.
- Jes, mi legis pri tio en la reto. Ĉu ni iru? Mi havas poŝ-monon.
- Sed ĝis kiam ĝi restos malfermita? Ni ne iru sen______ (29 →)
- Tiaj informoj per mia ir-telefono estas facile sci____aj. (22 →)
- Mi venos kun vi, mi ŝatas tiujn prabestajn gigantojn. Grrrrraaaaarr!!!!
- Joĉjo, kondutu normale! Eble Julinjo volas veni – demandu ŝin.
- Jes, mankas nia amik___o (18 →) . ___u (19 →) vian ir-telefonon!
- Bone, mi vokos ŝin kaj invitos ŝin. ____ (25 ↓) mi, ŝi volos veni.
- Mi legis, ke eblas tie fari modelojn de la bestoj.
- Ankaŭ mi aŭdis tion. Ĉu ili donas la ________ (1 ↓) por tio?
- Jes, sed necesas aĉeti enirbileton. Tio kovras la koston de tio.
- Ho, ve. Kiom kostas la eniro? Mia ____a (15↓) pozicio ne estas brila.
- Pli normale dirite, vi entute ne havas monon.
- Kiel vi divenis? Precize tiel estas.
- Ne ĝeniĝu. Mi pruntos al vi la enir-koston.
- Atentu! Estas ______o (12 ↓), ke vi ne re-ricevos la sumon.
- Silentu! Ni estas amikoj, se ien ni iros, ni iros kune.
- Mi kontrolis. La muzeo restas malfermita ĝis la ___ (27→) horo.
- Kaj pri Julinjo – ĉu ŝi venos?
- Ŝi ne _________ (16 →) ankoraŭ. Mi denove provos. Mi faros al ŝi _____(8 ↓) vokon per mia telefono.

Ili ekpromenas. Post dek minutoj, la plej eta grupano jam laciĝis kaj demandas:

– Kiomlonge ni devas promeni? Kiom for estas la muzeo? Kie ĝi estas?
– Iom ________ (10 ↓). Eble ĝi estas du kilometroj for ankoraŭ.
– Sed rapide kaj amuze ni paŝos tien. Ni estas junaj kaj fortaj!
– Hmmm. Parolu por vi _____ (1 →). Mi estas tre juna – kaj malforta.

Ili plu-promenas. Post pliaj dek minutoj, la plej eta grupano redemandas:

– Kiomlonge ni devas promeni? Kiom estas nia ____________? (37 →) Kiom da minutoj plu por atingi la muzeon?
– ______ (35 ↓) da minutoj malpli ol kiam vi laste demandis.
– Beee! Mi estas laca jam.
– Kion ni faru poste, se ni rapide vidos ĉion?
– Poste venu al mia domo, ĝi estas apud la muzeo. Ni povos kunkantaĉi kun mia komputilo. Mi havas novan programon de __________ (39 →)
– Petro, ĉu tio ne ĝenos viajn gepatrojn?
– Ili iras al la ____-galerio (36 ↓), kaj revenos nur malfrue. Hejme restas nur nia nova dom-besto. Jes, ni havas novan _______ (5 ↓) en la familio. Ĝi estas bela, sed senvosta.
– Ve! Ĉu okazis al ĝi terura akcidento?
– Ne, ĝi naskiĝis tiel. Ĝi estas _______a (3 ↓) kato.
– La kuirejo estos por ni, ni povos trinki varme aŭ malvarme: ___on (40 →) aŭ limonadon, laŭ-plaĉe.



Post tridek minutoj kaj ses pliaj diroj de 'Kiomlonge ni devas promeni?' ili alvenas ____ (28 ↓) eniras la muzeon. La titolo de la prezentaĵo estas: 'La ____ (38↓) epoko de la reptiliaj gigantoj'.

– Vidu en tiu panoramo. Jen la _______ (11 →) de pterodaktilo.
– Kaj kio estas tiu blanka ____________ (21 ↓)?
– Tiu estas pterodaktila ovo. Imagu.
– Kiom danĝere, tie supre sur la muro de tiu __________ (41 →).



Je la sea horo ili venas ____ (2 ↓) la muzeo, kaj pluiras al la domo de Petro, Bela _____o (15 ↓) por la tago!

## Forpasis kunlaboranto

Dum multaj jaroj kunlaboris kun nia revuo *s-ino Saranath*, kiu instruadis Esperanton en Hinda Unio (Bharato). Ŝi bedaŭrinde forpasis komence de la jaro. Ni kondolencas.

## Gvidilo por kontribuantoj

Tio estas ricevebla de nia retejo <www.ilei.info> en la paĝo *Revuoj*. Rubrikuloj kaj kontribuemuloj bonvolu legi ĝin kaj sekvi la konsilojn, por tiel helpi al ni limigi la prokrastojn en la aperigado de la revuo. Lernu kiel pretigi paĝojn!

## Abonprezoj por 2013 samaj!

Por la sekva jaro la abonoj por nia revuo restos samaj kiel nun – samos ankaŭ la ofteco (3-foje jare) kaj la amplekso (52 paĝoj). Perantoj en tridek landoj akceptos viajn kotizojn; akcepteblas ankaŭ pagoj al la konto **juna-l** ĉe UEA. Nia administranto restas Sebastian Cyprych en Pollando <sebacyp@jabster.pl>

| | A-lande | B-lande |
|---|---|---|
| JA - jarabono | € 16 | € 11 |
| Ekde 3 ekz., po | € 13 | € 9 |

Donac-abonoj ege bonvenas, kiel ankaŭ klasaj aŭ grupaj abonoj por lernantoj!

**Eldonanto** de *Juna amiko*: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) jura sidejo: CO de UEA, Roterdamo, Nederlando. **Retejo:** sub rekonstruo ĉe <ilei-mondo.info>. Vidu <lernu.net> kaj <edukado.net>. **Redaktoro por la nuna numero**: *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan.macgill@gmail.com*) **Lingva revizianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando).

**Rubrikestroj:** *Judit Felszeghy, Karina MacGill, Juliana Vas-Szegedi* (ĉiuj Hungario), *Małgosia Komarnicka* (Pollando), *Monika Molnár* (Svislando), *Elena Nadikova* (Rusio) *Dieter Berndt* (Germanio). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Jean Monique Noël* (Francio), *Jadranka Mirič* (Serbio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz,* (Hungario), *Marija Beloševič* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J. Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio),. **Grafikisto**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio). **Komenc-kovrila pretigo**: *Karina MacGill* (Hungario) Presita en Budapeŝto, Hungario

**Administranto**: *Sebastian Cyprych* <sebacyp@jabster.pl>

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero 2013/1 estas en preparo kaj havos jubilean, antologian karakteron, ĉar aperis nia revuo tra kvardek jaroj!**



## Prezento de la teatraĵo **Survoje al Tagiĝurbo** germanlingve en lernejo en Pápa, Hungario





La teatraĵo aperis en numero 2012/2, ekde paĝo 40.

↖Supre: la arbo, dianto kaj sciuro. Supre dekstre ↗, la instruistino en la kuracejo.

← maldekstre: la trajno. → dekstre, s-ino Verdamonto parolas kun la konduktoro.



Sube la roluloj prezentas sin fine de la spektaklo: De maldekstre,D-ro Bonateo, dianto, la sciuro, la konduktoro, s-ino Verdamonto kaj s-ino Verdamonto en la sonĝo – realvive la aktoroj estas ĝemeloj!

